# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **Cent tridek dua Eldono 26/09/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 260**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.



## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon http://esperantareradio.blogspot.co.at/

Estas « RSS Feed »

### Kial vortoj "kuŝas sur la lango"

Elsendo de la 23a Septembro 2013

"Kiel tiu persono do nomiĝas? Kiel oni nun nomas tion?" Kelkaj nocioj certe estas konservataj en la cerbo kaj tamen ne povas esti elvokataj. Ju pli oni aĝiĝas, des pli ofte oni sentas ke vortoj "kuŝas sur la lango" sed ne elbuŝiĝas. Kio okazas ĉe tio en la kapo kaj kiuj strategioj helpas?

Kiu vivas en maldikmura domo, tiu senvolonte aŭdas siajn najbarojn kaj ekkonas iliajn kutimojn. Antaŭ nelonge okazis al amiko kiu vivas en multetaĝa domo ke loĝanto en la etaĝo super li surmetis romantikan rok-muzikon. Tio kaŭzis al la amiko duoblan turmenton: Unue la muziko por li estis orelŝmire dolĉa kaj due - kaj tio kaŭzis eĉ pli da doloro - estis la demando pri la nomo de la kantisto. Ĉiujn aliajn datumojn lia cerbo senprobleme reproduktis: 80-aj jaroj, malbona harstilo, titolo "Lady in Red" kaj la nomo konsistis el tri partoj - sed el kiuj, damne?

Psikologoj nomas tiun frustran sperton "langopinta fenomeno". La vorto aŭ nomo kuŝas kvazaŭ sur la lango sed ne volas eliri la buŝon. Oni ja ne forgesis la nocion, sed momente tutsimple ne povas kapti ĝin. Usonaj esploristoj foje komparis tiun vanan streĉan serĉadon en la memoro kun la momento tuj

antaŭ ol oni ternas. Kaj la senton kiu alvenis post kiam la vorto retroviĝis en la memoro, ili komparis kun la malstreĉiĝo post la terno. ktp

.**Malgranda parto de bona artikolo** Ctrl+alklaku la bluajn lokon)

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.

## Propaganda sekcio







**SBS2 ĉe Sidnejo** proponas rakonti pri Esperanto en sia elsendo "The Feed"



Jeannette Francis
(REPORTER/PRODUCER – The Feed SBS2)
kontaktis kelkajn Esperantistojn pri sia propono.

Unu virino, kiu legis la raporton pri Esperanto en la Merkreda Manly Daily, venis al la Manlia Esperanto-Klubo sabate. Ĉar la anoj de la Manlia klubo planis iri al la Dimanĉa jarkunveno de la EFNSK, nur estis Roger tie por renkonti ŝin. Spite al tio ŝi ricevis bonan lecionon kaj propagandon pri Esperanto.

Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra

## LETEROJ de la legantoj






Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

## Jonathan Moylan



Interesa filmeto pri Jonathan Moylan. Cetere la ĵurnalistino de SBS kiu volas fari programon pri Esperanto skribis al mi, ke leginte pri la fakto ke Jonathan kapablas paroli Esperanton, ŝi havis la ideon fari ion pri Esperanto.

http://www.youtube.com/watch?v=ACikpCkwRyY filmeto en la angla Amike, Nicole



Tutsincerajn gratulojn al Jim Radford kaj Jonathan Cooper pro la tre kontentiga aea.esperanto.org.au (nova) retejo. Mi jam ne spektis ĉiujn segmentojn, nur pro tempomanko, sed mi tion

faros. Jen bankedo da plaĉaspektaj, entuziasmaj gebeluloj ne balbutantaj sed klare kaj korekte parolantaj Esperanton. Por mi, aparte brilis la angla prezento de la digna E-trezoro, Claude Piron. Estas domaĝe, ke pluraj ortografiaj eraroj troviĝas en la 'anglaj' klarigoj. Ekzemple, Tokkien (Tolkien), fot (for), ausilary (auxiliary), ausiliuer (auxiliary), armony (harmony), wtih (with), from long time (from a long time ago, aŭ eble, for a long time); mi ekvidis tiujn dum silente legis tre rapide-ŝanĝantan liston da laŭdoj por nia internacia lingvo, fare de eminentuloj. Eĉ la misnomo Clod (Claude) gratas. Alia plendeto: estas tre malfacile legi la tro-ofte tro palajn presliterojn. Se mi povas helpi iel ajn per provlego, mi pretas. Hura por J kaj J.




Vera Payne



Ĉu vi remarkas ke hodiaŭ estas la 2-jara naskiĝtago de la 'Aŭstraliaj Esperantistoj'?





## ROGER REIROS AL ĈINIO 中国武汉

ĈINA VIZITO DUM DU MONATOJ



**Sed,** mi kunportas la komputilon kaj daŭrigos la Novaĵleteron en Wuhan, Ĉinio. Skribu! Sendu novaĵojn, plendojn, ideojn. Ankoraŭ je rspring@tpg.com.au Roger



## Esperanto-Domo Sidnejo

**La 22an de Septembro 2013** okazis la **Jarkunveno**
Venis 13 Esperantistoj Vidu Telopeon 8-9 por plena raporto
EFNSK kunvenos la **27**an de Okt, kaj la **1an de** Dec 2013.
Zamenhofa Festivalo **15**an de Decembro. Ĉiuj estos bonvenaj
Notu, la datoj ŝanĝiĝis (ĉar Roger Springer ferios en Ĉinio)
En Telopeo ne enestas la nomo de Nicole Else en la listo de direktoroj. Kompreneble tio estas granda eraro. Nicole restas kiel valora kaj aktiva ano de

la estraro.



**Gramatikaj artikoloj**.
Gramatika artikolo ne aperas en ĉi-semajna AE pro la okuloperacio kiun Marcel suferis. Ni esperas ke li baldaŭ plisaniĝos kaj daŭre helpos nin plibonigi nian Esperanton.
Melburno Esperanto-Klubo



## Gratulojn al Roger por la 2a datreveno de AE!!

La Melburna Esperanto-Klubo gratulas Roger Springer pro lia senlaciga laboro redakti la ”Aŭstraliaj Esperantistoj” dum la pasintaj du jaroj. Lia entuziasmo kaj dediĉo por la Esperanto movado en Aŭstralio estas laŭdinda. Ni dankas lin por la ĉiusemajna informo kaj novaĵo.
Heather Heldzingen







